# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO VII, SOFIA — BULGARIO
APRILO — JUNIO 1964, № 2



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## SOLVENDAJ TASKOJ DE LA JARKUNVENO DE T. E. Ĵ. A. EN HAGO, NEDERLANDO

*Kiel ĉiujare, ankaŭ tiun ĉi jaron dum la 49-a Universala Kongreso de Esperanto en Hago, Nederlando, nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kunvokos sian regulan ĉiujaran fakkunvenon. Niaj fakkunvenoj estas bonegaj organizaj eventoj de TEĴA. En ili ni pridiskutas gravajn organizajn, propagandajn kaj aliajn problemojn. Ege sukcesa estis nia fakkunveno pasintjare en Sofia, Bulgirio, vizitita amase de niaj membroj.*

*TEĴA jam amasiĝis kaj plifortiĝis. Sed multaj problemoj kaj taskoj restaj ne ankoraŭ bone solvitaj kaj precipe la organizaj. La laboro de iuj estraranoj, komitatanoj kaj reprezentantoj de TEĴA ankoraŭ estas nekontentiga. Tial, en la jarkonveno de TEĴA dum la 49-a Universala Kongresa en Hago, Nederlando, ni devas pritrakti kaj neniigi tiun mankon de nia laboro. La plej grava afero estas pliĝustigi la taskojn kaj la devojn de ĉiu estrarano, de ĉiu komitatano kaj reprezentanto de TEĴA en sia laborrajono, en siaj lando kaj ĵurnalista medio.*

*Estus bone, se ĉiu estrarano, komitatano kaj reprezentanto, ĉiu membro de TEĴA pripensus tiujn ĉi organizajn demandojn anticipe kaj se li proponus ilin por diskuto en nia jarkunveno en Hago. La membroj, kiuj ne partoprenos la Hagan Universalan Kongreson, povus sendi siajn proponojn tuj al la prezidanto, al la sekretario-kasisto de TEĴA, aŭ al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“ (al la lasta ĝis la 20-a de julio j. k.). Ni atendas.*

**HIDEO YAGI**

### FORPASIS LA JAPANA PREZIDINTO DE UNIVERSALA ESPERANTO — ASOCIO

*Okayama (IGS/580). — La sesan de majo 1964 mortis la elstara medicinisto kaj laborinto por la Internacia Lingvo, Profesoro D-ro Hideo Yagi. Li atingis grandan eminentecon en la fakoj de ginekologio kaj akuŝa scienco, kaj krome prezidis dum la pasintaj du jaroj la Universalan Esperanto-Asocion, kies sidejo estas en Roterdam.*

*Profesoro Yagi estis simpatia, ĉiame ĝentila sciencisto, plene dediĉita al la interesoj de la medicino, kiel ankaŭ al la progresigo de la Internacia Lingvo Esperanto, por kio li laboradis ekde siaj studentaj jaroj. Nur antaŭ kelkaj monatoj, neatendita dita apopleksio divigis lin haltigi siajn laborojn kiel direktoro de la Kawasaki Kancera Instituto en Okayama, kaj demisii el la prezidanteco de Universala Esperanto-Asocio. Tiel la sorto malpermesis al li, la unua azia Prezidanto en la historio de Universala Esperanto-Asocio, vidi la realiĝon de la unua Universala Kongreso de Esperanto sur azia teritorio, kiu okazos en Tokio en la somero de 1965, kaj por kiu li entuziasme pledis jam de pluraj jaroj.*

*Hideo Yagi naskiĝis proksime de Osaka la 18-an de aŭgusto 1899, kaj eklernis Esperanton en 1917. Kiel studento li fondis Esperanto-klubon en Kioto kaj fondis kaj redaktis ĝian ilustritan revuon „Libero“. Dum li ankoraŭ studis medicinon li verkis kaj eldonigis Japana-Esperantan Vortaron (kun aliaj), Kurslibron de Esperanto, kaj japanlingvan broŝuron pri la lingva problemo. En postaj jaroj li publikigis aron da originalaj medicinaj artikoloj en la Internacia Lingvo. En 1934 li fariĝis Profesoro de Ginekologio kaj Akuŝologio en la Universitato de Okayama, kaj restis en tiu funkcio dum 28 jaroj. Jam en 1937 li partoprenis en Universala Kongreso de Esperanto, en Varsovio, kaj tie prelegis. En la lastaj jaroj li fariĝis Vicprezidanto de la Internacia Federacio de Ginekologio kaj Akuŝologio, Prezidanto de la Azia Ginekologia Asocio, Rektoro de la Universitato de Okayama, kaj Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio. Lia morto signifas grandan perdon kaj por la medicino kaj por la Internacia Lingvo.*

## REVO DE LA LITERATURŜATANTO

Mi rememoras, ke proksimume antaŭ tridek kvin jaroj funkciis la Gazet-Servo de SAT. Materialoj presitaj en la Gazet-Servo estis tradukitaj kaj aperigitaj en ĵurnaloj kaj gazetoj de pluraj landoj. Ekzemple kelkaj miaj artikoloj pri sporto, filmoj ktp ofte aperis en 1—5 alilandaj ĵurnaloj kaj unu kompilita artikolo („Nekonataj loĝlokokoj en Tajga (Siberia arbaro)" estis presita eĉ en 12 ĵurnaloj.

Sed ankaŭ estas konate, ke kelkaj romanoj kaj skiencaj eseoj originale verkitaj en Esperanto estis tradukitaj en naciajn lingvojn.

Por pruvi elokvente, ke Esperanto havas vivokapablecon kiel literatura lingvo mi proponas, ke oni proklamu la jenan kampanjon por du-tri jaroj: verkistoj-esperantistoj verku en Esperanto mallongajn altnivelajn rakontojn, preferinde humoraĵojn, aŭ probable de alia literatura genro (kiel ekzemple „Trezorserĉantoj de Elin Pelin, Bulgario), kiuj aperu sur la paĝoj de „Heroldo de Esperanto", „Monda Kulturo", „Norda Prismo" kaj en aliaj revuoj. Devo de ĉiu verkisto, ĵurnalisto, sperta esperantisto estas traduki kaj klopodi publikigi la rakontojn en naciaj ĵurnaloj kaj gazetoj.

Nia celo estas, ke la originale verkitaj prozaĵoj aperu en dekoj da landoj, en dekoj da lingvoj kun noto: „tradukita el Esperanto". Certe necesas registri la rezultojn.

Tia siaspeca eksperimento povos k aŭz grandan triumfon de nia Internacia Lingvoi, precipe sur la literatura kampo.

Andrej Sidorov
Ĉerkessi, Sovet-Unio

## DANK' AL ESPERANTO MI FARIĜIS ĴURNALISTO

Kun miksita sento de miro kaj dankemo mi komencis ricevadi la numerojn de „Internacia Ĵurnalisto". Tiu ĉi revueto tre plaĉas al mi laŭ ties enhavo, kvaankam mi tre volus, ke ties amplekso estu pli granda.

*Laŭ profesio mi estas inĝeniero. Post la milito* mi estiĝis docento ĉe Rostova Inĝeniera-Konstruista Instituto. Sed pri ĵurnalismo mi komencis okupi min tute neatendite.

Estis tiam la jaro 1936. Sur la sangaj kampoj de *Hispanio la hispana popolo kuraĝege batalis kontraŭ* la fibandoj de Franko, Hitler kaj Musolini. Tiam la hispanaj esperantistoj komencis eldonadi en Esperanto bonegan revuon „Popola Fronto". Mi ofte rakontadis al miaj amikoj pri la enhavo de la leteroj, kiujn sendadis el la frontlinio miaj hispanaj leteramikoj-esperantistoj. Kaj unu tagon el la redakcio de la rostova porjunulara ĵurnalo oni telefonis al mi:

„Kamarado Gruŝko, ni estas tre scivolemaj pri via persona peresperanta korespondado kun hispanaj esperantistoj. Bonvolu viziti nian redakcion, ĉar ni volas aperigi viajn letermaterialojn pri la heroeca batalo de la hispana junularo kontraŭ la faŝismo."

Ekde tiu tago komenciĝis mia ĵurnalista agado. La ĵurnalo aperigadis regule miajn materialojn. Foje ili okupis plenan paĝon de la gazeto. Kaj ĉiem oni notis: „Tradukita el Esperanto".

Fortondris la militaj tagoj kaj ĉiuj el ni revenis al paca konstrulaboro. Dum sep jaroj en multaj rostovaj ĵurnaloj kaj gazetoj aperadis miaj materialoj, kies enhavo estis preparita el ricevitaj esperantaj leteroj. Dum tiu tempo aperis pli ol 80 miaj artikoloj kaj notoj. Plej regule faris tion la ĉiusemajna gazeto, eldonata de Rostova Inĝeniera-Konstruista Instituto. Laŭ decido de la instituta estraro mi fariĝis konstanta kunlaboranto de la gazeto.

Estas notinde, ke malgraŭ miaj modestaj fortoj kaj rimedoj (nur poŝtaj leteroj, ne telefonaj kaj telegrafaj informoj), nia gazeto aperigis tri tagojn pli frue la informon pri la preparata pacdefenda kaj kontraŭmilita demonstracio en Bruselo ol ĉiuj aliaj lokaj ĵurnaloj, uzantaj telegrafajn informojn. Kiamaniere ni atingis tion? Tre simple: unu el la demonstrantoj mia korespondanto — anticipe informis min pri tiu demonstracio.

Tiamaniere mi fariĝis ĵurnalisto.

**Viktor Gruŝko**, Rostov-Don, USSR

## *FOTO-KONKURSO*

En kunlaboro kun la 20-a Internacia Junulara Kongreso kaj kun la firmo Gevaert, la 49-a UK okazigos Internacian Foto-Konkurson. La temo de la konkurso estas la konata „Taglibro de Anne Frank": „Letero 15. 6. 1944 — Freneze mi amas la naturon, ĉu nur pro tio, ke dum longa tempo mi ne povis elŝovi la nazon eksteren?" La premioj konsistas el: Ekstra Gevaert—Premio de 400. — ned. gld. kaj medalo; Unua Premio de 150, — ned. gld.; Dua Premio de 100, — ned. gld.; Tria Premio de 50, —ned. gld; kaj Ekstra Junulara Gevaert—Premio (rezervita al gejunuloj ĝis 25-jaraj) de 200, — ned. gld. kaj medalo.

La fotoj estu nur blank-nigraj. La formato estu minimume 13×18 cm. Ĉiuj konkursaĵoj estu senditaj al la konstanta adreso de la 49-a UK plej malfrue la 1-an de julio 1964. En la kadro de la 49-a UK kaj de la 20-a IJK okazos ekspozicioj de la plej bonaj fotoj. La premiitaj fotoj apartenos al UEA kaj aperos en „Esperanto", „Monda Kulturo" kaj „Kontakto".

## DEZIRAS INTERKUNLABORI

— Anatolij Steĉenko, Poĉtovaja, 35a, Izobilnoe, Stavropolskij kraj, USSR, kun ĵurnalistoj el Bulgario, Hungario, Jugoslavio, Ĉeĥoslovakio, Kubo. Nia distrikta ĵurnalo, al kiu mi kunlaboras, volonte aperigus materialojn pri bestbredado, agrikulturo k. a.

— Wladislaw Wolanski, Zielona Gora, ul. Bema 28/2, Pollando, kun fotoraportistoj en la tuta mondo por la Centra Fotografa Pola Agentejo, kie mi laboras.

— N. L. Vasilevskij, Lida, ul. Sovetskaja, 39, kv. 21, Belorusio, USSR, kun fotokorespondantoj, interŝanĝo de fotoalbumoj kaj aliaj fotoeldonaĵoj.

## *ION PRI NIA AKTIVECO KAJ KUNLABORADO*

*Unu el la plej grandaj faktoroj de l'civiliza kaj kultura evoluo sendube estas la gazetaro. La loko en nia „I. Ĵ." ne donas al mi eblecon fari historian skizon kiamaniere kaj kiun rolon ludis la gazetaro dum jarcentoj por la formado de la soci-publika opinio, en la paca kaj en la milita vivado inter la popoloj, en la solvado de diversaj sociaj problemoj. Estas fakto tamen, ke la gazetaro kaj ĝia armeo — la ĵurnalistoj-estas la unuaj, kiuj kapablas kapti la bovon je la kornoj por direkti la vivon, por malkovri kaj eviti danĝeron, miskomprenojn kaj antaŭjuĝojn, de kiuj ofte dependas la sorto de la homaro, de la internaciaj konfliktoj. . .*

*De kiam aperis nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio multe de akvo jam forfluis en la maron. Sed la agado de nia asocio ankoraŭ estas nesufiĉa. Asocio, kiu havas 300-400 membrojn-ĵurnalistojn estas granda potenco. Ĝi devas havi influon sur nia terglobo. Sed ni ne utiligas bone tiun potencon. Kial ni ne kunlaboras pli aktive? Ni, esperantistoj, kiuj vere luktas por internacia paco, por mondo pli bona, por homaro pli feliĉa, ni, ĵurnalistoj, ne devas stari flanke kaj observadi vane la interbatalantan mondon, kiel piedpilkan ludadon, kun hermetike fermitaj buŝoj. Eble pro timo, ke iuj riproĉos nin? Oni ne devas monotone ripeti la vorton „paco" aŭ silenti, ne agante aktive por la paco.*

*Krome, ni ne utiligas bone ankaŭ nian organon „Internacia Ĵurnalisto", kiu devas respeguli la laboron de la internacia gazetaro. Per „I. Ĵ." ni devas aktivigi la kunlaboradon inter la orientaj kaj okcidentaj ĵurnalistoj por la bono de la popoloj. Estas necesa interŝanĝado de artikoloj kaj ideoj, eĉ kiam ni ne havas unu kaj saman opinion, pozicion. Ja unu pozicio unuiĝas kaj devas unuigi nin-la pozicio de la interpopola kompreniĝo kaj amikeco.*

*Nun ion pri nia propagandmaniero.*

*Plej bona agado por efektivigo de niaj celoj, de nia Esperanto-afero, estas tiu, kiu pruvas la rektan utilecon de Esperanto, kiu montras ĝian praktikan utilon en pluraj okazoj.*

*Dum dekoj da jaroj oni aŭdis eldirojn de iuj redaktoroj, ke „la publiko ne volonte legas pri Esperanto". Jes, ne volas, se la propagando ne estas subtenata per praktikaj rezultoj kaj faktoj. Hazarda okazo montris al mi imitindan propagandmanieron. Simpla letero, kiun mi ricevis de s-ano Stepan Pavloviĉ Titov-patro de la soveta kosmonaŭto Herman Titov — elvokis grandan intereson flanke de multaj lokaj gazetoj en Izraelo. Tiuokaze mi estis invitita gasti al diversaj redakcioj, kiuj petis min „raporti pri Titov kaj pri la Esperanto-movado". De tiu tempo mi sukcese utiligas „ekzotikajn" esperantistojn por esperanta propagando.*

***Ishak Muĉnik, Izraelo***

---

### UNIVERSITATA DISERTACIO PRI LA ESPERANTO GAZETARO

Kiel ni jam anoncis en „I. Ĵ", Mag. Roman Dobrzynski, finante studojn en Ĵurnalisma Fako de Varsovia Universitato, sukcese defendis diplomdisertaĵon s. t. „La Esperanta Gazetaro". La rezulto estis tre bone.

La disertaĵo renkontis interesiĝon de la varsoviaj sciencistoj pri ĵurnalismo, kaj ĝi aperos resumite en la Bulteno de RSW „Presa", unu el la plej grandaj gazeteldonejoj.

Mag. Roman Dobrzynski prilaboradis la disertaĵon dum kelkaj monatoj, intertempe li studis unu monaton en Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno. Kiel informafonton la aŭtoro utiligis la rezultojn de enketo dissendita al la redakcioj de Esperantaj revuoj kaj radiaj disaŭdigoj, kiun enketon ni siatempe aperigis en „I. Ĵ."

## *MALLONGAJ SCIIGOJ*

** Pro manko de rimedoj la n-ro 4, (1963 jaro) de „Internacia Ĵurnalisto" ne aperis. Por asekuri la regulan eldonadon de la gazeto, la redakcio estis devigita aperigi komercreklamojn, kiel vidite en n-roj 1 kaj 2.*

** Ĉiuj membroj de TEĴA estas petataj tuj sendi siajn membrokotizojn por 1963 kaj 1964 jaroj al la estraranoj, al la komitatanoj aŭ al la reprezentantoj de TEĴA, loĝantaj en iliaj aŭ en la plej proksimaj landoj.*

** La membrokotizon oni povas pagi ankaŭ rekte al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" (Adreso: Ivan Keremidĉier — Esperov, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

** La membrokotizo estas 1 usona dolaro aŭ la egalvaloro.*

** Subtenu la fondaĵon „Internacia Ĵurnalisto". Sendu vian monhelpon!*

# TRA LA GAZETARO

## KIEL ONU

En la tutmonda esperantista gazetaro kaj en pluraj nacilingvaj gazetoj aperis informoj kaj artikoloj pri la 48-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta pasintjare en Sofio, Bulgario. Grandajn artikolojn aperigis i. a. ankaŭ la prezidanto de TEĴA Olav Thormodsen kaj la vicprezidanto Nillo Kavenius.

La itala semajna ilustrita revuo „DOMENICA DEL CORRIERE" publikigis dupaĝan artikolon kun fotoj kaj specimeno de paĝo de la „Dia Komedio" de Dante Alighieri, tradukita en Esperanto de Prof. G. Peterlongo prezentante, vide al vide, la itala kaj esperanta tekstojn.

La artikolon verkis Vittorio Dall'Acgua el Milano kiel voĉo de unu el la 3500 esperantistoj ĉeestintaj la amasan Kongreson en Sofio. Ĝi estas titolita:

„Ni estis el 45 landoj kaj oni komprenis unu la alian sen interpretisto"

„Mi travivis—skribas la verkisto-neforgeseblan sperton. Gento neniam antaŭvidita, ŝajne ĉiam vivanta kune. Kiel ONU ne decidis ke ĉiuj popoloj de la mondo parolu, kiel ni, unu solan lingvon? Oni multe parolis pri kompleta akordo, kiu finfine alportu pacon al ĉiuj popoloj de la terglobo. Bone, sed kiel tiuj popoloj povas interkompreniĝi? Per kiu lingvo? Oni devos elekti unu lingvon? Sed en tiu kazo oni ne frapos la landajn ofendiĝemojn? Kial ne pruvi per Esperanto? Esperanto estas lingvo por ĉiuj kaj apartenas al neniu aparta lando, tial estus perfekta internacia lingvo. Se Esperanto estus lernata en ĉiuj lernejoj de la mondo, kiel dua lingvo flanke de la nacia, neniu sentus sin kiel fremdulo. Ĉie oni sentus sin hejme."

Bona, bonega sopiro. Sed ĝi ne efektiviĝos per si mem! Por akiri tiun sopiron estas necese granda, laŭplana, persista organiza kaj propaganda laboro flanke de la tutmonda esperantistaro. Tiel pli rapide ni sukcesos atingi tiun venkon, kiel pli bone kaj sinofereme ni laborus por la realigo de la laborplano de la Universala Esperanto Asocio de ĝiaj klopodoj kaj direktivoj.

Unue ĉiu aparta landa Esperanto-Asocio devas atingi sukcesojn en sia lando mem. Sed, trafoliumante la ĵus aperintan unuan parton de la Jarlibro 1964 de UEA ni konstatas, ke en multaj landoj la Esperanto-movado estas ankoraŭ ne sufiĉe forta. Ekzemple en Ĉinio (kun proksimume 700 milionoj da loĝantoj) oni legas, ke estas 500 membroj, en Italio—1350, en Norda Ameriko — 525, en Britlando — 1369, Nederlando — 1000, Germanio — 1000 ktp. Kaj en iuj el tiuj landoj la loĝantaro estas kelkdekmiliona. Kial en Bulgario estas 6000 membroj, en Jugoslavio — 3500, Pollando — 3150, Hungario — 2300, Danlando — 1000+5000 kolektivaj? La bonaj sukcesoj en la lastaj landoj estas rezulto de tradicia, longdaŭra, obstina kaj lerta laboro de la esperantistoj kaj ties gvidantoj. Oni devas utiligi ilian sperton tiurilate. Kie estas bonaj kondiĉoj (ebleco por libera aktiveco), oni devas eklabori pli vigle. Se ni sukcesus en la grandaj eŭropaj, aziaj, amerikaj kaj aliaj landoj, en ĉiuj landoj, tiam ni atingos la rekonon de la tutmondaj organizoj, institucioj, de UNU. Tiam oni subtenos nin kaj ni sukcesos paŝon post paŝo atingi nian celon en gloro. Nur tiel kaj tiam.



**Projekto de la dua konstruaĵo de la Internacia jurnalista domo en Varna, Bulgario**

# DER HAAG—NEDERLANDO—LA KONGRESURBO 1964

La 49-a Universala kongreso de Esperanto ĉi jare okazos en la bela urbo Hago, Nederlando.



Den Haag — La mondkonata Pacpalaco, iniciato de Andrew Carnegie, al kiu kontribuis preskaŭ ĉiuj landoj



Den Haag — La Liliputa urbeto „Madurodam“

## La Hungara telefon-gazeto— prapatro de la radio

Antaŭ sepdek jaroj komencis funkcii en Budapeŝto la eltrovaĵo de la fama hungara elektroteĥnikisto Tivadar Puskas: la telefon-gazeto aŭ telefonsciigilo.

Puskas naskiĝis en 1845 kaj mortis baldaŭ post la funkciigo de lia nova telefonsistemo. Li estis kunlaboranto de Edison kaj estis mem inventisto. La plej grava estas la kreo de telefon-centrejo. Li konstruis en Parizo kaj en Budapeŝto la unuajn telefoncentrejojn.

Lia telefon-sciigilo servis, kiel nuntempe la radio: ĝi donis gazetsciigojn, rakontojn, muzikon, koncertojn kaj mi memoras, kiel ĝoje kaj ofte avide mi aŭskultis per ĝi en nia hejmo operprezentadojn donitajn rekte el la operdomo de Budapeŝto. Ĝi havis centran disaŭdigejon kaj per drato oni kreis kontakton kun la abonantoj. Ĉar ĝi estis uzebla nur en dek kilometra ĉirkaŭaĵo, ĝi ne disvastiĝis kaj ĝia uzado iom post iom malvastiĝis, kiam la radio sen dratoj plenumis ĉiam pli bone kaj pli facile la saman rolon En malgranda skalo ĝi estas ankoraŭ funkcianta en la hungara ĉefurbo kaj per ĝi aro de malsanuloj havas en la hospitaloj distraĵon. Tiutempa ĵnrualo skribis pri la „parolanta ĵurnalo", ke „ĝi faris Budapeŝton la unuan urbon de Eŭropo". Pri uzado de progresaj inventaĵoj povis fieri nia urbo, ĉar ekzemple sur la kontinento tie ekfunkciis la unua subtera fervojo en 1896.

Inter la inventaĵoj kaj ideoj de Tivadar Puskás estis kelkaj tiutempe ne realigitaj kaj oni povas diri pri li, ke li antaŭiris sian epokon. El tiuj estas tiaj, kiejn oni nun jam finlaboris kaj ekfunkciigis, sen utiligo de liaj iamaj projektoj.

**Paŭlo Balkany,** Budapeŝto

## Bildvortaro en Esperanto

„Germana Esperanto-Revuo" anoncas, ke Esperanto Press, Oakville, Ontario, Kanado, akiris interkonsenton kun la Bibliografia Instituto, Mannheim Germanio, pri eldono de la plej detala bildvortar de la mondo en la Internacia Lingvo.

Plue „GER" sciigas, ke la „Duden | Bildwörterbuch" aperis 1958 en tute nova prilaboro en la germana lingvo. Ĝi klarigas per 368 moderne desegnitaj bildtabuloj ĉ. 25 000 per bildoj klarigeblajn nociojn. Alfabeta listo je la fino de la verko ebligas tujan trovon de la ilustraĵo. Precize same aranĝitaj kaj numeritaj aperis 1960 anglalingva, 1961 franclingva kaj 1962 hispanlingva eldonoj, kaj en preparo estas itala, portugala kaj sveda eldonoj.

Esperanto Press nun intencas kiel eble plej baldaŭ publikigi precize same aranĝotan eldonon en la Internacia Lingvo, sed por fari la tradukojn kaj por kontroli ilin, ni devas peti la kunlaboron de tutmondaj fakuloj. Necesos ellabori multajn novajn terminojn. Helpi povos ĉiu sperta esperantisto, kiu konas almenaŭ unu el la lingvoj, en kiuj la bildvortaro ĝis nun aperis, kaj kiu havas konojn en iu ajn profesio aŭ ŝatokupo. Bonvolu do anonci vin kun viaj interesoj kaj kapabloj al Esperanto Press. Vi ricevos liston de la tradukendaj bildtabuloj, el kiu vi elektu tiujn, kiujn vi ŝatus traduki, kaj vi ricevos detalajn informojn pri la labormaniero, rekompenco ktp.

Kompreneble al tiu alvoko de Esperanto Presa devas respondi ankaŭ la membroj de TEĴA.

*Mi ofte tradukas diversajn materialojn el esperantaj gazetoj kaj proponas ilin al sovetaj gazetoj. Kaj la rezultoj estas bonaj. Ĉi sube mi notas kelkajn presorganojn, kiuj utiligis miajn tradukaĵojn:*

*„Červonij Prapor" — harkova rajona gazeto-publikigas ukrainlingve la artikolon „Viva kalkulmaŝino" de Erio Bajar Nagi, tradukita el la revuo „Hungara Esperantisto".*

*„Socialističnа Harkovščina" — ĥarkova rajona gazeto-aperigis ukrainlingve la artikolon „Duelo kun la morto" el revuo „Nuntempa Bulgario".*

*„Prapor" — literatura-arta kaj soci-politika gazeto de la Unuiĝo de la Ukrainaj verkistoj, aperanta en Ĥarkov, publikigis la artikolon „Nivalin" de Georgi Angelov, aperinta en „Nuntempa Bulgario".*

*Ĵurnalo „Soveta Sporto", aperanta en Moskvo, publikigis la skizon „Savistoj en la montaro" de Petro Stančev (el „Nuntempa Bulgario").*

*La sama ĵurnalo „Soveta Sporto" publikigis ankaŭ la rakonton „Fieraĵo de malgranda urbo" de Liljana Stefanova (el „Nuntempa Bulgario").*

*Mia trabiklaboro daŭras. Estus bone se ankaŭ aliaj kolegoj rakontus sian sperton tiurilate.*

*Jozef Snejder*
*Harkov, USSR*

## NIA POSTO

Henk Valkenier, De Bilt, Nederlando. Dankon por la letero kaj la rekomendoj. Ni salutas vin pro via preteco estiĝi reprezentanto de TEĴA en via lando. Vi ricevados „I. J.". Kunlaboru al ĝi.

A. E. Mortensen, Danlando. Dankon por la adreskorektoj.

A. V. Vernikovskij, N. Roĝestvenskoe, USSR. Ni provis aranĝi la abonigon de esperantaĵoj, sed nune tio estas neebla.

Wladislaw Wolanski, Zielona Gora, Pollando. Vi jam estas membro de TEĴA. Bv pagi la membrokotizon por 1963 kaj 1964 al s-ano J. Uspienski en Warszawa. La anonco aperas en la nuna n-ro de „I. Ĵ".

Adolf Stanura, Ostrava. Ĉeĥoslovakio. Dankon kaj saluton por la interesa artikolo. Ni atenda vian kunlaboradon.

J. S. Kravĉenko, Kiŝinev, USSR. La karaktero de la materialoj, aperantaj en „I. Ĵ.", estas precipe por-kaj priĵurnalismaj. Pro tio via informaĵo ne aperos.

Paŭlo Balkany, Budapeŝto, Hungario. Ni petas pardonon pro la malfruiĝo. Bv. sendadi kontribuaĵojn al „I. Ĵ". Via artikoleto aperas en la nuna n-ro de „I. Ĵ."

Kyosuke Yukimura, Kakogawa, Japanio. Ĉio estas ricevita en ordo. Dankon por la artikolo. Sed ĝi ne konvenas por „I. Ĵ." Ni provos, se eble, utiligi ĝin en alia gazeto.

Ishak Mučnik, Izraelio. Ni atendas aliajn kontribuaĵojn. Dankon.

---

*Kolegoj kaj legantoj, fariĝu konstantaj kaj akurataj kunlaborantoj de via organo „Internacia Ĵurnalisto"! La redakcio atendas viajn kontribuaĵojn!*

# D. M. Z. „BÂDAŜTNOST“ EN URBO ĈIRPAN, BULGARIO

## PRODUKTAS AGRIGULTURAJN MASINOJN, NOME:



1. Grenpuriga maŝino ZMB-20
2. Masinoj por displantado de la plantidoj SKNB-4



3. Maŝinoj por displantado de la plantidoj A-821
4. Fojnoprema kolektilo SPB-2

# AKUMULILA UZINO „METODI ŜATAROV“
# en urbo Pazarĝik — Bulgario



Produktas kaj proponas akumulilajn bateriojn „Iskra“ — specialajn bonkvalitajn, kiuj kontentigas la laborantajn maŝinojn tiel en tropikaj, kiel ankaŭ en arktikaj kondiĉoj.



Serĉu la akumulilajn bateriojn „Iskra“, fabrikitajn de altkvalita plumbo, speciale rafinita por akumulila produktado

Serĉu la bateriojn ĉe la ekstera komerca entreprenejo
„Elektroimpeks“ kaj
ĉe la komerca entreprenejo
„Maŝinoeksport“
Sofio—Bulgario

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*